# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 19/10/2017 Tricent- kvardekkvara eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

*Freelang Vortaro * Plena Ilustrita Vortaro * Esperanta Retradio * Google Translate * Pasintaj eldonoj*

Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon. Kutime, sed ne ĉiam, la ligoj havas verdetan koloron

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au



Ekstudis pli ol **1,060,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo per la angla lingvo. (Ekde la 28a de Majo 2015) https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

Ankaŭ ekstudis pli ol **228,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde la 26a de Oktobro 2016)

**Ĝis nun 1,290,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo**



# La gramatikaj (lingvaj) kategorioj. L.



La prepozicioj ne havas kategorian finaĵon, sed ili ĉiuj povas ricevi unu el la kvar kategoriaj finaĵoj, ekz. antaŭi, kromo, sube, ekstera. Ili ĉiam troviĝas inter unuflanke substantivo aŭ verbo aŭ adjektivo aŭ adverbo kaj aliflanke, post ili, substantivo (inkl. infinitivon kaj substantivan pronomon). La prepozicio difinatas de la sekvanta substantivo kaj mem difinas la antaŭan substantivon aŭ verbon aŭ adjektivon aŭ adverbon. Jen ekzemploj: La vazo sur la tablo; Bani en la suno; laboras en oficejo; mia donaco por ŝi; vestaĵo por bani; amike al ĉiuj; taŭga por infanoj.

Eblas havi du prepoziciojn, en kiu kazo la unua estas reduktita prepozitivo: "Ni vojaĝis al (loko) en la dezerto (= en la dezerton); Ni iris ĝis (momento) post sunsubiro. Kiel vidite, prepozicio povas ŝanĝiĝi al akuzativo, sed nur se tiel ne aperas miskompreno. Prepozicio, plej ofte "de" aŭ "al" aŭ "kun", povas kombiniĝi kun (nur) adverbo por formi prepoziciaĵon (angle: *reduced phrase preposition*): fine de; responde al, kompare kun, ante al. Teorie en tiaj prepoziciaĵoj la prepozicio povas ŝanĝiĝi al akuzativo: "sekve mian demandon", "kompare niajn spertojn", "ante la policanon".

La reguloj por akuzativigo ante la prepozicion estas: **1e.** Se troviĝas nur unu prepozicio, oni povas anstataŭigi ĝin per akuzativo nur se la signifo restas klara, ekz. Ni foriros proksiman

Dimanĉon" (ĉar neniu komprenus "malpost aŭ post Dimanĉo"), kaj **2e**. se la unua de du prepozicioj estas "al" oni ĉiam povas anstataŭigi la akuzativon al "al": "Ni grimpis al sur la monto = Ni grimpis sur la monton".

Verbigi prepozicion oni povas nur, se la parto antau la prepozicio fariĝas la Subjekto kaj la parto malantaŭ ĝi fariĝas la gramatika Objekto.

(daŭrigota) *Marcel Leereveld*.

---



## La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm.

Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.
La 21an de Oktobro estis la tria sabato. Venu kaj ĝuu nian kunvenon.

*Mi ĉeestas tiun bonan Esperanto-klubon kaj raportas al AE pri la klubo.* *Roger Springer*

---

## Marcel en ESK

Karaj Esperantistoj,
Mi esperas ke vi bonfartas :)

En decembro Marcel Leereveld iĝos centjaraĝa!

Ni kompreneble festos la eventon ĉi tie en Melburno, sed mi ankaŭ ŝatus dediĉi parton de la decembra eldono de Esperanto Sub la Suda Kruco al feliĉaj memoroj kaj celebroj de Marcel.

Bonvolu sendi al mi *ion*, ĉu ĝi estas nur frazlonga memoro, bondeziro, fotoj, aŭ plena artikolo. Kaj bonvole plusendu ĉi tiun mesaĝon al iu(j), kiu(j) ne ricevis ĝin kaj povus/volus kontribui.

La limdato por la decembra eldono estas la 15a de novembro, sed ju pli frue vi povas sendi aferojn, des pli bone.

Ne scias kion skribi? Jen kelkaj ideoj:



- Kiam kaj kie vi unue renkontis Marcel, kaj viaj unuaj pensoj.
- Kion vi memoros pri Marcel eĉ dudek jarojn post nun.
- Kio estas la plej granda kontribuo de Marcel al Esperantujo.
- Kion vi ŝatus diri al Marcel okaze de lia centa naskiĝdatreveno.
- Kiel Marcel helpis vin

Se vi ne tiom bone konas Marcel, simple ignoru ĉi tiun mesaĝon!

Antaŭdankon!
Ĝo. *Joanne Johns*

---

## E n m i a ĝ a r d e n o n u n .



Mirakle! Mirakle! Kiel mi menciis antaŭ kelkaj semajnoj, la kverkoj ne sekvas sian vivritmon laŭ la temperaturo, sed laŭ la sunalteco. Sed ĉijare mia centdudekjaraĝa kverko, pro sia tre favora situo unu el la plej dikaj en Melburno, malkutime ekfoliis antaŭ

kelkaj tagoj, ja en la komenco de la printempo, dum ĝi, ambaŭseksflora, normale atendas ĝis la fino de la printempo. Sendube pro la klimatŝanĝiĝo. Tre verŝajne ĝi do baldaŭ ekfloros, kaj ni ne plu povas restigi la aŭtomobilojn sub ĝi. La floroj ja perdas gluecan miksaĵon videble malpurigantan ĉion sub la arbo. Do tiu kverko estis nur unu monaton sen folioj, sed ĝi tamen estas sezonfolia, ne jarfolia, kiaj estas ekzemple mia ĉilia poplo kaj la ileksoj. Mi havas kelkajn eŭropajn ileksojn kaj unu ĉinan, kiu portas samajn berojn, sed foliojn aliformajn. Kutime mi el de ĉiuj ileksoj havas multajn tigojn kun grapoloj de ruĝaj beroj, por vintre dekoracicele fordonaci, sed ĉi tiun jaron la miloj da beroj manĝatis de la birdoj. Kvankam la granda kverko ŝanĝis ĉijare sian vivritmon pro la varmeco, aliaj arboj ne faras tion. Tial ankoraŭ ne ekfoliis miaj tilio, betulo, fago, alno (Alnus cordata, Italian alder), ora ulmo (Ulmus procera, golden elm), pendbranĉa ulmo (Ulmus glabra, weeping Scotch elm), faboarbo (Gleditschia), Ginkgo, kaj aliaj. La tri diospiroj (persimmons) ĵus komencis ekfolii. La du belaj ulmoj cetere estas pesto en la ĝardeno, ĉar ili kreskigas multajn radikarbidojn. La samon faras speco de poplo kiun antaŭa posedanto mortigis antaŭ sesdek jaroj kaj kies radikoj plu kreskigas novajn mortigendajn poplidojn ĝis tridek metrojn for, kaj eĉ sub la vojo al alia tereno, kampo de farmisto. Mi supozas ke homoj ne kapablas influi kaj ŝanĝi la vivritmon de la plantoj. Aŭ ĉu? Almenaŭ oni povas generi iom malsimilajn specojn per plantbredado.

*Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Semajna raporto de Melburno

**DIMANĈA KUNVENO**

Dimanĉon la 15an de Oktobro ses homoj kunvenis ĉe ACMI Cafe & Bar. Ni babilis kaj faris ekzercon pri ŝercoj en Esperanto.

**LUNDA KUNVENO**

Lundon la 16an de Oktobro ses homoj kunvenis ĉe Ross House. Ni komencis traduki la (sufiĉe maldecan) *32an Nokton* de *Mil kaj Unu Noktoj.*

**VENONTAJ KUNVENOJ**

Ni ne kunvenos dimanĉon la 22an aŭ lundon la 23an de Oktobro (refoje pro tro da vojaĝemaj Esperantistoj!)

**Sabaton 28an de Oktobro je 19:00**

Ludvespero, ĉe Alchemists Refuge, 328 Little Lonsdale Street

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 943 Instagram – 104

Facebook – 332 Telegram – 18

Twitter – 327

*Joanne Johns*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Pri ioj, kioj, ĉioj

Tre surprizis mi ke Marcel proponas uzi ioj, kioj, ĉioj ktp. Teorie, kial ne? Sed mi

ĉiam komprenis ke ekzemple ĉio signifas 100%. Kiom pli signifus ĉioj?
Kiam mi studis gramatikon, kiu baziĝas sur strukturoj, estis atentigo pri teoriaj eblecoj kaj realaj eblecoj ĉar la lingvo tamen priskribas la realon.

Ekzemple se mi diras: mia najbarino forpasis hieraŭ, venontan lundon ni kune iros al la kinejo.

Laŭ la gramatikaj reguloj ĉio estas en ordo, sed ĉu tiu frazo akcepteblas?

*Franciska Toubale*



# Eŭropaj Participoj.



Enkonduko pri la angla lingvo:

1). PERFEKTA TEMPO = Pasinta Participo + prezenco de "havi*": "He has come"; "I have seen".*

2). PASIVA VOĈO = Pasiva participo + ajna tempo de "esti": *"He is kept alive by bloodtransfusion."*

3). ĜENERALE AKCEPTATA : Ekzistas nur du participoj en la angla: Prezenca kaj Pasinta.

4). KELKAJ DIRAS: Tiuj du participoj estas la Aktiva Participo kaj la Pasiva Participo.

Kiu pravas? NEK SUB 3), NEK SUB 4), ĉar:

1). La tiel nomata Prezenca Participo ne havas tempon: *"She was singing"*. La tempon indikas

*"was"* kaj tial la kantado estis ankaŭ en la pasinteco (ŝi kantis ne en du tempoj!).

2). Ne nur *"(I am) eating"* estas Aktiva, sed ankaŭ *"(I have) eaten".* .

3). *"Received"* estas Aktiva en *"I have received the letter"* kaj Pasiva *en "It was received just in time"*

4). La tiel nomata Perfekta Participo unuflanke indikas la pasintecon, kiel en *"She has given us the results"* kie "has" ne indikas tempon de la donado sed nur la Aktivon, kaj aliflanke indikas ne

tempon sed nur la Pasivon, kiel en *"The results were/are/will be given us by her"* kie la tempon indikas nur la helpverbo, ne la sentempa *"given".*

Antaŭ longa tempo *"(I have) eaten"* estIS Pasiva Participo, sed ĝi ŝanĝiĝis antaŭ pluraj jarcentoj al Preterita (Perfekta) Participo kaj plu estas, kiel en *"I have eaten".* Do, kun *"have"*, ĝi nun estas Aktiva Pasinteca Participo. Pro manko de imagado la antaŭulo de la angla lingvo komencis uzi la formon de la Aktiva Pasinta Participo por alia funkcio, komplete malsama, nome por formi kun la helpverbo *"be"* la Pasivan Voĉon, kiel en *"He was/is/will be sent away forthwith".* EN ĈI LASTA FUNKCIO LA PARTICIPO NE INDIKAS TEMPON.

En la angla, kaj en aliaj lingvoj, ne estas maloftaĵo havi vorton indikantan du malsamajn signifojn kaj funkciojn. La angla vorto *"fine"* povas esti substantivo, verbo, kaj adjektivo. En ĉiu malsama funkcio aŭ signifo, vorto havas malsaman nomon gramatikan, kompreneble. Tio aplikiĝas ankaŭ al la vorto *"sent",* kaj al ĉiuj aliaj tiel nomataj pasintaj participoj: Kiam uzata

kun la helpverbo *"have"*, ĝi estas (Aktiva) Perfekta (Pasinta) Participo indikanta tempon, kaj kiam uzata kun la helpverbo *"be"* ĝi estas (sentempa) Pasiva Participo. Notu ke nur la du sentempaj participoj uzeblas (ĉe siaj subjektoj) kiel adjektivoj, sed ne la Pasinta.

Tiel dum sia historio la angla (kiel aliaj eŭropaj lingvoj) kreis sistemon nun havantan tri participojn: **1e**. Imperfektmodan Participon sentempan, tiel nomatan Prezenca Participo, kaj **2e.** Pasintan Participon indikantan kun *"have"* aktivan pasintan tempon (perfektan kaj preteritan), kaj **3e**. sentempan Pasivan Participon kun *"be"*. Malbonŝance la du lastaj havas la saman formon, sed tute malsamajn funkcion kaj signifon kaj gramatikan nomon.

*Marcel Leereveld.*

Noto 1. Kial anglaj lingvistoj ne scias ke la angla lingvo havas tri malsamajn participojn?

Respondo: Ĉar ili ne konscias, ke kiam gramatika kategorio de vorto ŝanĝiĝas, KAJ ĜIA SIGNIFO KAJ ĜIA FUNKCIO KAJ ĜIA NOMO ŜANĜIĜAS.

Noto 2. Kial la Esperantistoj daŭrigas fari erarojn pri siaj participoj?

Respondoj: 1). Ĉar ili traktas la eŭropan Pasivan Participon kiel Perfekttempan Participon, kaj tial uzas en la simpla pasinttempa Pasiva Voĉo Esperanta du pasintajn tempojn (-is plus –ita).

2). Ĉar multaj el ili plu uzas en la Pasiva Voĉo la adjektivan formon de la participo anstataŭ uzi simplan verbon kun la pasiva sufikso "-ati", ne konsciante ke "-ati" signifas nur la pasivon, ne tempon nek nefinitecon, ĉar tio decidatis baze de la malmulte konata Regulo pri Signiforedukto.

*M. L.*



KOMUNIKOJ

TRIMONATA BULTENO DE SPIRITISMA ELDONA ASOCIO F. V. LORENZ
Jaro 41-a BRAZILO, JULIO-AŬGUSTO-SEPTEMBRO 2017 N-ro 167

"Amu vian Dion per via tuta koro kaj per via tuta animo kaj per via tuta menso kaj vian proksimulon kiel vin mem." JESUO (*Mt*, 22:37-40).

"Neskuebla fido estas nur tiu, kiu povas rekte rigardi la racion en ĉiuj aĝoj de la homaro." KARDEC. *La Evangelio laŭ Spiritismo.* Ĉap. 19, §7.

"Sur neŭtrala lingva fundamento, komprenante unu la alian, la popoloj faros en konsento unu grandan rondon familian." ZAMENHOF. *La Espero.*

file:///C:/Users/Roger%20Springer/AppData/Local/Microsoft/Windows/INetCache/Content.Outlook/07TY5SE5/Komunikoj%20n-ro%20167.pdf

TRIMONATA BULTENO DE SPIRITISMA ELDONA ASOCIO Jaro 41-a BRAZILO, JULIO-AŬGUSTO-SEPTEMBRO 2017 N-ro 167

Sendis *editor lorenz*

Bonan legadon!

*Ni ricevis kaj rekomendas*

Aŭstraliaj Esperantistoj

Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ

https://translate.google.com/

PLENUMITA 19/01/2017 Tricentkvina eldono (unua eldono 20/09/2011)

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer

Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale

SENDATA AL 305. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj



# "Malgrava historieto pri mia vivo" (Bob Felby)



## Nun AE kopias la tutan libreton iom post iom ĝis la fino.
## Bona rakonto kaj bona Esperanto. Ĉapitro 3. En la punlaborejo (4a ero)

Pasis longa tempo, kaj mi daŭre rifuzis. Tiam ili elektis por mi. Mi devis lerni la anglan, ĉar nur ĝi estas mondlingvo.

Nu, kion mi povis respondi ? Mi pripensis kaj fine diris, ke se mi devas lerni la anglan, mi rifuzas lerni ĝin de la barbuloj, mi postulas havi kompetentulon, prefere kompetentulinon, kiel instruiston.

Kaj vere la registaro dungis sinjorinon, kaj pagis ŝian bileton de Kopenhago. Ĉiun semajnon ŝi venis por instrui dum kelkaj horoj proksimume 20 junulojn pri la angla lingvo. Ni ridegis, sed por mi tio ne daŭris longe, ĉar mi, akcidente, dum laboro, preskaŭ forsegis unu el miaj fingroj.

Unu el miaj kolegoj kaj mi estis segantaj grandajn arbotrunkojn. La trunkoj estis tre malglataj, ĉar la arboŝelo estis dika kaj fortika. Subite la segilo saltis en la aeron kaj falis rapide sur mian maldekstran manon. Alten elŝprucis mia varma sango, kaj mi forkuris en la oficejon de la punlaborejo.

Tie staris nia kuracisto, kiu venis ĉiutage por certiĝi ĉu niaj malsanuloj vere estas malsanaj. Li kaptis min je la brako kaj sidigis min sur seĝon. Li rigardis mian manon kaj aŭtoritate deklaris, ke la tendeno de mia montrofingro estas trasegita.

Li ofertis veturigi min per sia aŭtomobilo al la malsanulejo en la apuda vilaĝo. Iu kamarado kuniris kun mi. Ni sidis sur la malantaŭa sidejo, kaj mi tenis mian manon alte en la aero, ĉar mi ne rajtis verŝi sangon en la aŭto. Neniu el ni estis sangelverŝantoj, tiu tasko apartenas al la soldatoj, ĉu ne ?

Alveninte al la malsanulejo mi ne devis atendi tre longe. Oni enĵetis min en la operaciejon, kie iu kuracisto injektis ion plurloke en mian manon.

Tiam li elprenis unu finon de la tendeno, kaj poste la alian. Post la kunkudriĝo li komencis kunkudri ankaŭ la haŭton, kiu estis terure disŝirita. Kvankam tio ne estis amuza, tio ne estis malbona. Pli malbone estis, kiam li kudris tie, kie li ne estis antaŭe injektinta. Tio doloris pli ol kio ajn alia.

La flegistinoj tenis forte mian alian manon, kaj iom post iom la doloro foriĝis. Foriris ankaŭ la kuracisto, ĉar li lasis al la flegistinoj bandaĝi min.

*Daŭrigota* *Bob Felby*







**3ZZZ....** Same kiel monero havas du flankojn , malbonaĵo ankaŭ entenas iom da bono.Tion montris la ŝtormego Irma en Kubo kiel raportas kubano . Eblas tion aŭskulti en la elsendo de la 16a de Oktobro . Oni ankaŭ ekkonas plian diferencon inter viroj kaj virinoj.

informas la kunvokanto *Franciska Toubale*

